Esperanto servu pacon!

AKTUALE

Monata informilo de Sovetia Esperantista Junulara Movado

№8(12) Septembro 1974

# FAKTOJ KAJ KOMENTOJ

## Pri socialisma konkurado 1973/74

La novan 1974/75-an agadjaron ni komencas kun novaj fortoj: la familio de aliĝintoj kreskis je unu, tiu de kandidatoj je 6 kluboj. Nun SEJM-on partoprenas 44 kluboj (pasintjare - 37). Ni ĉiuj planas, esperas fari pli multe ol antaŭe. Rigardu la Taksan demandaron - ĝi ion sugestos. Ankaŭ la statistikon kun la rezultoj de socialisma konkurado esploru kaj iom meditu.

Ĉu via klubo pli aktivas ol tiu, ekz., leningrada? Ĉu viaj klubanoj rajtas riproĉi moskvanojn pro pasiveco? Respondas la rezultoj. Jen poentoj (legu "laboro") de unu kluba aktivulo. Evidentiĝas, ke unu ufano plenumas laboron preskaŭ de la tuta klubo de urbo Kedainiaj (102 membroj, ĉu paperaj?). La fakto alarmas: la nivelo de organiza laboro en tiu urbo tre lamas.

Kiel oni taksas la valoron de E-renkontiĝoj kaj tendaroj? Malfortaj kluboj ofte preferas funkcii izolite, membroj de la fortaj, aliflanke, ne timas centojn, eĉ milojn, da kilometroj. Elokventas la ekzemplo de Barnaul kaj Ufa. La triopo de rekorduloj en renkontiĝopartopreno - Klaipeda, Vilnius, Riga - vere, ne estas tiom moviĝemaj, kiel montras la tabelo. Ja mi scias, ke 278, 84, 29 membroj konforme partoprenis renkontiĝojn en la urboj mem. Tamen renkontiĝoj sendepende de la loko restas renkontiĝoj. Ĉiuj ili estas utilaj.

Ni ĝis nun ne aprezis kontaktojn kun eksterlando. Eksterlandanoj soifas pri E-novaĵoj el Sovetio, sed ni pigras verki. Ankaŭ pri korespondado privata ni ne estas diligentaj... Prenu tamen ekzemplon de la avangardo - ĉiu klubano havu minimume 2-3 eksterlandajn korespondamikojn.

Permesu al mi malkaŝi la landojn, kun kiuj ni korespondas; mi volus, ke la nova enketado demonstru ne nur kreskon de ligoj, sed ankaŭ de landoj. Estas landoj kun kiuj ni korespondas amase. Sendube, influas la fakto, ke en tiuj landoj E-o estas disvastigita, kaj estas riceveblaj adresoj. Ne estas kontesteble, tamen, ke korespondi oni povas, se tion deziras ambaŭ flankoj. Mi do prezentas la unuajn 15 landojn kun koeficiento de reciproka populareco (fakte ligoj el 1000): Pollando-178, Hungario-128, Bulgario-126, Ĉeĥoslovakio-107, GDR-105, Rumanio-38, Francio-31, Kubo-23, Usono-23, Finnlando-22, Italio-20, Vjetnamio-19, FRG-17, Britujo-16, Svedio-15. Ceteraj: Nederlando, Japanio, Belgio, Hispanio, Hollando, Brazilio, Aŭstralio, Novzelando, Aŭstrio, Norvegio, Mongolio, Kanado, Argentina, Svislando, Jugoslavio, Meksiko, Grekio, Turkio, Angola, Sud-Afriko, Urugvajo, Portugalio, Islando, Bangladeŝo, Andora - 242.

Interalie, ĉu vi rimarkis, ke la kluboj, kiuj vaste korespondas, kutime posedas konsiderindajn bibliotekotojn? Krome, elkorespanda materialo povas bone nutri gazetartikolojn. Nu, pri tio, ke amasaj korespondaĵoj efektive varbas por E-o, povis konvinkiĝi ĉiu, kiu vizitis la urban E-ekspozicion, aranĝitan de klaipeda E-klubo.

Kelkaj pliaj statistikaĵoj. Niaj kluboj abonis 1560 ekz. de E-revuoj, okazigis 29 koncertojn kun 2230 aŭskultantoj, aranĝis 35 ekspoziciojn kaj 41 ekspozicierojn. Estis 20 elsendoj kaj 6 radiosciigoj. En niaj kluboj gastis 141 eksterlandanoj (ŝajnas, ne ĉiuj ili estis esperantistoj).

| Loko | E-klubo de urbo | Membroj/aktivaj | Poentoj 1973/74 | Poentoj/aktivulo | Poentoj-loko 1969/70 | 70/71 | 71/72 | 72/73 | Partopr. en renk. | Artikoloj en s-ovpr. | Prelegoj/aŭskultintoj | Korespondligoj/landoj | Publikaĵoj ekst. | Finis div. kursojn | Biblioteklibroj/novaj |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 |
| 1 | Ufa | 25/15 | 2392 | 159 | 676-1 | 1419-2 | 2562-2 | 2805-1 | 72 | 71 | 16/500 | 42/9 | 12 | 142 | 60/16 |
| 2 | Riga | 25/19 | 2152 | 113 | 311-4/5 | 1417-3 | 2045-3 | 1550-3 | 104 | 15 | 43/1509 | 121/19 | 4 | 29 | 307/15 |
| 3 | Klaipeda | 112/40 | 1778 | 44 | 655-2 | 1072-5 | 2686-1 | 2151-2 | 330 | 22 | 11/259 | 435/38 | 4 | 39 | 391/43 |
| 4 | Barnaul | 38/19 | 1760 | 93 | 311-4/5 | 1441-1 | 520-12 | 930-6 | 99 | 3 | 20/1495 | 50/20 | 1 | 7 | 45/33 |
| 5 | Vilnius | 38/13 | 1394 | 107 | 313-3 | 1110-4 | 1068-4 | 1078-4 | 215 | 16 | 8/246 | 130/20 | 2 | 68 | 174/35 |
| 6 | Ivanovo | 43/30 | 1201 | 40 | 206-9 | 238-10 | 603-9 | 1014-5 | 100 | 5 | 26/648 | 30/10 | - | 46 | /2 |
| 7 | Omsk | 27/15 | 818 | 55 | - | 793-5 | 1009-5 | 636-7 | 17 | 14 | 21/650 | 46/19 | - | - | 74/12 |
| 8 | Ĥmelnickij | 30/9 | 644 | 72 | 63-19 | 0 | 739-8 | 625-8 | 8 | 2 | 1/67 | 58/18 | - | - | - |
| 9 | Poltava | 35/21 | 611 | 30 | 0 | - | - | 355-14 | 23 | 3 | 11/260 | 22/5 | - | 34 | 107/19 |
| 10 | Moskvo | 20/10 | 558 | 56 | 103-16 | 220-14 | 562-10 | 561-9 | 50 | 5 | 5/320 | ? | 8 | 5 | 10/10 |
| 11 | Maĥaĉkala | 20/15 | 491 | 33 | 0 | 287-13 | 767-7 | 0 | 2 | 4 | 6/290 | 16/5 | - | 65 | /4 |
| 12 | Viljandi | 36/18 | 464 | 26 | 123-14 | 0 | 0 | 0 | 47 | 11 | 4/120** | | - | 27 | /15 |
| 13 | Leningrad | 48/16 | 452 | 28 | - | - | 233-21 | 416-12 | 24 | 1 | 6/210 | | - | 31 | /9 |
| 14 | Tiĥvin | 13/9 | 433 | 49 | - | - | - | - | 48 | 2 | 5/280 | 6/3 | - | 20 | - |
| 15 | Novosibirsk | 41/16 | 748* | 47 | 255-8 | 669-6 | 511-13 | 400-13 | 64 | 3 | 8/163 | 3/3 | - | 29 | - |
| 16 | Taŝkent | 35/16 | 360 | 23 | 0 | 0 | 236-20 | 271-16 | 3 | | | | | | /200 |
| 17 | Miass | 23/20 | 354 | 18 | - | - | - | - | 20 | 2 | 13/575 | 2/2 | - | 40 | 8/8 |
| 18 | Talgar | 14/6 | 338 | 56 | - | - | - | - | 7 | 7 | 5/180 | 46/13 | - | 17 | 26/14 |

| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 19 | Ĥarkov | 23/16 | 317 | 20 | 34-24 | 318-11 | 822-6 | 556-10 | 17 | 1 | 5/180 | | 1 | 26 | |
| 20 | U-Kamenogorsk | 15/8 | 308 | 39 | 272-7 | 477-7/8 | 438-14 | 521-11 | 23 | 2 | 2/680 | 40/13 | - | 24 | 50/10 |
| 21 | Kaunas | 59/20 | 283 | 14 | 18-26 | 66-20 | 417-17 | 0 | 44 | 3 | 2/105** | ? | - | - | ? |
| 22 | Doneck | 9/4 | 282 | 71 | 115-15 | 165-16 | 128-25 | 267-18 | 25 | 1 | - | 39/15 | 2 | 14 | 30/2 |
| 23 | Tula | 15/6 | 278 | 46 | 49-21 | 183-15 | 427-15/16 | 270-17 | 38 | 3 | 2/100 | 4/3 | - | 19 | /2 |
| 24 | Ĉelabinsk | 15/5 | 275 | 55 | 61-20 | 144-18 | 555-11 | 321-15 | 27 | 3 | 2/74** | 34/7 | - | - | /24 |
| 25 | Sterlitomak | 17/10 | 245 | 26 | - | - | 162-22 | 0 | 20 | 1 | 5/300 | 31/7 | - | 30 | ? |
| 26 | Kujbiŝev | 11/4 | 199 | 50 | - | - | 251-19 | 114-20 | - | 3 | 3/85** | 1/1 | - | 9 | - |
| 27 | Kedainiai | 102/20 | 180 | 9 | - | - | - | - | 7 | 2 | - | ? | - | | |
| 28 | Siktivkar | 32/18 | 133 | 7 | - | - | - | - | 2 | - | 1/70 | 1/1 | 1 | 2 | 19/4 |
| 29 | Zaporoĵje | 20/8 | 109 | 14 | 142-10 | 151-17 | 427-15/16 | 0 | 8 | | 6/180** | | | 10 | /3 |
| 30 | V-Luki | 6/6 | 105 | 18 | 70-17 | 31-21 | 160-23 | 0 | 2 | 4 | - | 50/9 | - | - | 25/20 |
| 31 | Kapsukas | 8/4 | 103 | 26 | - | - | - | - | 15 | | 1/40 | 5/4 | | 1 | 15/15 |
| 32 | Kievo | 10/5 | 98 | 20 | 308-6 | 337-9 | 0 | 0 | 2 | | 2/60** | 20/10 | - | ? | - |
| 33 | Liepaja | 13/5 | 48 | 10 | - | - | - | 0 | 10 | | | 33/13 | | | |
| 34 | Kolomna | 11/3 | 45 | 15 | 0 | 289-12 | 0 | 93-21 | 10 | | | 1/1 | | | 50/5 |
| 35 | Tallin | ? | 45 | ? | 125-13 | 109-19 | 143-24 | 0 | ? | | | ? | | | |
| 36 | Sverdlovsk | 12/8 | 31 | 4 | - | - | - | - | 6 | | 2/90 | | | | |
| 37 | Birsk | ? | 0 | 0 | 132-11 | 477-7/8 | 318-18 | 221-19 | - | | | | | | |
| | Sume | 1001/459 | 20.037 | | 4.340 | 11.503 | 17.789 | 15.855 | 1499 | 207 | 242/10.296 | 1266/41 | 35 | 729 | |

*La dua raporto malfruis (en la unua periodo - 365 poentoj).
**Se mankis nombro de aûskultintoj, ni kalkulus: 1 prelego - 30 aûskultintoj.

Viglan aktivadon! Bonvolu ne forgesi, ke raporton pri la agado en la periodo 1.7.74 - 31.12.74 necesas ekverki jam nun kaj jarfine nur kopii ĝin al mi.

V.Ŝilas,
la SEJM-Sekretario.

STATISTIKO DE SEJT-16

En SEJT-16 estis registritaj 217 personoj el 9 uniaj respublikoj: RSFSR - 147; Ukrainio - 27; Litovio - 19; Kazaĥio - 12; Uzbekio - 4; Kartvelio - 3; Armenio - 2; Latvio - 2; Belorusio - 1.

Partopreno laŭurbe:

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1. Ufa | 21 | 26. Tbilisi | 3 |
| 2. Ivanovo | 18 | 27. Erevan | 2 |
| 3. Moskvo kaj reg. | 17 | 28. Kaunas | 2 |
| 4. Barnaul | 12 | 29. Kolomna | 2 |
| 5. Klaipeda | 9 | 30. Lipeck | 2 |
| 6. U-Kamenogorsk | 9 | 31. Riga | 2 |
| 7. Omsk | 8 | 32. Soĉi | 2 |
| 8. Tiĥvin | 8 | 33. Sverdlovsk | 2 |
| 9. Vilnius | 8 | 34. Zaporoĵje | 2 |
| 10. Ĉelabinsk | 6 | 35. Kiev | 2 |
| 11. Sterlitomak | 6 | 36. Serpuĥov | 1 |
| 12. Ĥmelnickij | 5 | 37. Salavat | 1 |
| 13. Tjumenj | 5 | 38. Sizranj | 1 |
| 14. Tula | 5 | 39. Dimitrovgrad | 1 |
| 15. Miass | 4 | 40. Kujbiŝeva reg. | 1 |
| 16. Leningrad | 4 | 41. Velikie Luki | 1 |
| 17. Poltava | 4 | 42. Novoaltajsk | 1 |
| 18. Doneck | 3 | 43. Mcensk | 1 |
| 19. Ĥarkov | 3 | 44. Iĵevsk | 1 |
| 20. Maĥaĉkala | 3 | 45. Odessa | 1 |
| 21. Meĵdureĉensk | 3 | 46. Briĉany | 1 |
| 22. Novomoskovsk | 3 | 47. Rostov-Don | 1 |
| 23. Siktivkar | 3 | 48. Kretinga | 1 |
| 24. Talgar | 3 | 49. Vitebsk | 1 |
| 25. Taŝkent | 3 | 50. Neftekamsk | 1 |
| | | 51. Baŝkiria reg. | 1 |

Sume 214*partoprenintoj el 51 lokoj.

NACIECA KONSISTO de la anaro:

| | | | |
|---|---|---|---|
| rusoj | 144 | germanoj | 3 |
| litovoj | 16 | poloj | 1 |
| ukrainoj | 155 | kartveloj | 1 |
| hebreoj | 15 | kazaĥoj | 1 |
| tataroj | 11 | burjatoj | 1 |
| latvoj | 3 | lakoj | 1 |
| armenoj | 3 | baŝkiroj | 1 |
| | | ne indikis la naciecon | 1 |

MOZAIKO DE AĴOJ

Naskiĝis en 1886 - 1, 1901 - 1, 1904 - 1, 1905 - 1, 1914 - 1, 1917 - 1, 1922 - 1, 1923 - 1, 1928 - 1, 1930 - 1, 1932 - 1, 1934 - 1, 1935 - 2, 1936 - 1, 1937 - 1, 1938 - 5, 1939 - 2, 1940 - 4, 1941 - 5, 1942 - 2, 1943 - 3, 1944 - 1, 1945 - 7, 1946 - 9, 1947 - 8, 1948 -10, 1949 - 17, 1950 - 7, 1951 - 22, 1952 - 25, 1953 - 16, 1954 - 10, 1955 - 11, 1956 - 5, 1957 - 11, 1958 - 10, 1959 - 2, 1961 - 1, 1964 - 1, 1965 - 1.

La meza aĝo estas 24,5 jaroj.

---

*La nombro 214 ne estas ĝusta. Ĝi ne enhavas la aliĝintojn tendarfine. La ĝusta nombro estas 217.

| | Volgo-Uralo | Okcidenta Siberio | Centro-Rusia reg. | Kaŭkazio kaj Mezazio | Ĉebaltio | Ukrainio | Sume |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Viroj | 10 | 17 | 27 | 7 | 10 | 21 | 92 |
| Virinoj | 44 | 16 | 39 | 8 | 12 | 6 | 125 |
| KPSU | 3 | 2 | 4 | 1 | - | 3 | 13 |
| VLKSM | 40 | 24 | 47 | 10 | 12 | 18 | 151 |
| Senpartia | 11 | 6 | 15 | 2 | 10 | 4 | 48 |
| Pioniroj | - | 1 | - | 2(okt.) | - | 2 | 5 |
| Entute partopr. | 54 | 33 | 66 | 15 | 22 | 27 | 217 |
| D-roj de sciencoj | - | - | 1 | - | - | - | 1 |
| K-datoj de scienc | - | - | 2 | - | - | - | 2 |
| Supera klero | 24 | 12 | 26 | 6 | 8 | 6 | 82 |
| Supera nefinita | 14 | 7 | 21 | 5 | 8 | 11 | 66 |
| Meza speciala | 6 | 7 | - | - | 2 | 3 | 18 |
| Meza | 5 | 4 | 7 | 1 | 1 | - | 18 |
| Meza nefinita | 5 | 3 | 9 | 3 | 3 | 7 | 30 |

PROFESIA KONSISTO de la anaro:

1. Inĝenieroj . . . . . . . 36
2. Laboristoj . . . . . . . 18
3. Teknikistoj . . . . . . . 17
4. Instruistoj de teknikaj fakoj . . . . . . . . . . . . 17
5. Instruistoj de lingvaj fakoj . . . . . . . . . . . . 14
6. Instruistoj de muziko . 4
7. Oficistoj . . . . . . . 4
8. Tradukistoj . . . . . . . 3
9. Muzikistoj . . . . . . . 3
10. Kuracistoj . . . . . . . 2
11. Ĵurnalistoj . . . . . . 2
12. Ekonomiistoj . . . . . 2
13. Matematikistoj . . . . 2
14. Pentristo . . . . . . . 1
15. Historiisto-etnograf. . 1
16. Pensiulo . . . . . . . 1
17. Studentoj de teknikaj fakoj . . . . . . . . . . . 41
18. Studentoj de lingvaj fakoj . . . . . . . . . . . 20
19. Lernantoj . . . . . . . 26

ESPERANTO-AĜO

Esperantistiĝis en 1920 - 1, 1923 - 1, 1927 - 1, 1956 - 1, 1957 - 1, 1958 - 2, 1959 - 4, 1960 - 2, 1963 - 1, 1964 - 1, 1962 - 4, 1965 - 2, 1966 - 5, 1967 - 5, 1968 - 11, 1969 - 9, 1970 - 16, 1971 - 17, 1972 - 28, 1973 - 56, 1974 - 45.

Sume 214*.

La lingvon posedas
perfekte - 35,
bone - 52,
kontentige-58,
elemente - 67 personoj.

NIAJ TENDARO-VETERANOJ

V.Aroloviĉ - BET-10,-13;SEJT-9,11+16
Ŝilas V. - BET-2+7;SEJT-9+12,14,16
B.Kolker - BET-2,3;SEJT-9+14,16
A.Ĥarkovskij - BET-3+8;SEJT-9+16
V.Jakovlev - SEJT-9+16
G.Staneŝnikova - BET-4,6,7,9,10; SEJT-16
M.Bronŝtejn - BET-5,7;SEJT-9,10,13, 15,16
N.Polakov - SEJT-10+13,16; BET-14
L.Borisov - SEJT-9,11+14,16
T.Loskutova - SEJT-12+16
A.Junusov - SEJT-11,14+16
Z.Ĥafizova - SEJT-11+14,16
Z.Miŝina - SEJT-10,11,13+16
A.Vizgirdas - SEJT-11+16
N.Cvileneva - SEJT-11+16

---

*Vidu la piednoton sur la p. 71.

T.Bujvarenko - SEJT-10+13,16
A.Gonĉarov - SEJT-9+11,13,15,16
N.Korĵenevskaja - SEJT-10+14,16
V.Noĉovkin - BET-10+13;SEJT-13,15,16
G.Golencova - SEJT-12+16
V.Andreev - SEJT-10+13,15,16
V.Zibenkes - SEJT-11+14,16
I.Petrulis - BET-1+4,SEJT-16
J.Vladimircev - SEJT-10+13, 15,16

ALIĜO AL SEJT-16

| | Majo | Junio | Julio |
|---|---|---|---|
| Ĝis la 10 | 1 pers. | 45 pers. | 9 pers. |
| Ĝis la 20 | 4 " | 76 " | 2 " |
| Ĝis la 30 | 45 " | 9 " | 18 " |

Kompilis T.Loskutova (Ivanovo), Z.Miŝina (Barnaul)

NI HELPU AL U E A!

Ju pli forta estas Universala Esperanto-Asocio, des pli forta estas la monda Esperanto-movado.En la lasta jaró UEA havis konsiderindan financan deficiton, kaj devo de ĉiu konscia esperantisto estas materie helpi al ĝi. Ni ne povas sendi (kiel tion faras okcidentaj samideanoj) mondonacojn, tamen ĉiu el ni povas de tempo al tempo sendadi dudekon da stampitaj poŝtmarkoj al la komisiita persono:

P.Zaho, Amosevej 5A, DK - 2700 Kopenhago, Danlando.

Eĉ la plej modesta donaceto estas helpo al la plifortigo de nia monda organizaĵo.

Inter diversaj servoj UEA havas Eltondaĵan servon. Ĝi kolektas eltondaĵojn de nacilingvaj artikoloj el ĵurnaloj kaj revuoj, kopias ilin kaj dissendas al la abonantoj en la tuta mondo. Sendante viajn eltondaĵojn ( kun indiko de la gazetotitolo, dato, eldonloko, eventuale eldonkvanto), vi popularigos viajn artikolojn en la tuta mondo kaj gajnos poentojn por via klubo - tio ja estas eksterlanda publikaĵo. La adreso:

UEA, Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam-3002, Nederlando.

B.Kolker (Ufa)

ESTAS ANKAŬ GEPATROJ...

Ŝajnas, la temo estas aktuala, ĉar la nova lernojaro vekis E-instruadon en multaj lernejoj de nia lando.

Dum du jaroj de mia laboro en Tiĥvin ankaŭ mi ĉiujare kolektas novan grupon da gelernantoj. Do en la unua jaro post du lecionoj mi rimarkis tro rapidan forfluon de la lernantoj. Ĉesis viziti E-lecionojn ne nur homoj, kiujn mi jam de komence taksis kiel senperspektivajn. Ankaŭ bonaj tute esperindaj lernantoj forlasis la kurson. Jen tiujn mi trovis en la lernejo kaj demandis pri kaŭzo de ilia foriro. La gepatroj malpermesis,- estis kutima respondo. Ĝuste pro tiu respondo mi (bedaŭrinde jam fine de la duonjaro) decidis renkontiĝi kun la gepatroj de la lernantoj, kiuj restis en la kurso. La unuan gepatran kunvenon ĉeestis 5 personoj: du patroj kaj tri patrinoj, kun kiuj mi parolis dum 4 horoj. Pri plano de la kunveno mi ne multe parolu - ne estis plano. Komence kelkajn demandojn metis mi, poste demandis nur gepatroj. Evidentiĝis komence, ke:

a) la gepatroj tute ne sciis antaŭe pri la lingvo internacia;

b) kelkaj supozis min ruzulo, kiu venis por iamaniere trompi facilanimajn provincanojn;

c) aliuj simple pensis, ke, se la instruado ne estas salajrata, la kurso estas afero senutila.

Evidentiĝis poste, ke malgraŭ ilia analfabeteco en Esperanto ni baldaŭ trovis"komunan lingvon", kaj mi faris ĉion eblan, por ke ili simpatiu al la okupo de siaj infanoj pri E.

Sekvintjare mi kolektis la gepatrojn de miaj novaj kursanoj jam en la komenco de la lernojaro. La kvanto da homoj estis pli granda, kaj la diskuto-pli interesa, ĉar inter la gepatroj okazis unu ĉagrenita eksesperantisto. Ŝajne post la kunveno ankaŭ li ŝanĝis sian opi-

nion pri Esperanto, ĉar mem abonis por sia infano "Pacon".

Preskaŭ ĉiuj geknaboj, kun kies gepatroj mi parolis, nun aktivas en nia klubeto "Lampiro". Ne malgravas, ke la gepatroj ne estas simple neŭtralaj - ili ĉiam pretas doni helpon al nia klubeto kaj fakte helpas senteble.

Oktobre komencos laboron nova kurso, kaj mi jam revas renkontiĝi kun la novaj...gepatroj.

M.Bronŝtejn (Tiĥvin)

ESTU ĜENTILAJ

Por iuj kluboj mia propono aspektos superflua kaj neinteresa, tamen mi proponas jenon. Laŭ mi novaj kaj malgrandaj kluboj ege bezonas amasan subtenon de aliaj kluboj. Temas pri festookazaj gratuloj. Per ili ni povas montri disvastiĝon de la lingvo en nia lando. Oni diras, ke ni estas membroj de "unu granda rondo familia", do ni kiel bonaj parencoj eĉ devas esti ĝentilaj kaj gratuli unu la alian. Tiel ni povas koresponde amikiĝi kun samideanoj, kun kiuj iam okazos renkontiĝoj en SEJM-aranĝoj.

Ni povos organizi eĉ ekspozicion sub la titolo "Geografio de Esperanto en Sovetio". Jen la adreso de nia klubo:

Kiev 252003, Vladimirskaja 45, Dom uĉenyĥ,
Esperanto-klubo de internacia amikeco "Ora pordego".

M.Lineckij (Kiev)

NI RENKONTIĜAS
Kalendaro de E-renkontiĝoj

UKRAINIO

En decembro-januaro laŭ bezono en Doneck okazos 2-taga E-seminario. (Respondecas kaj organizas Doneck).

7 tagojn antaŭ SEJT-17 en Zaporoĵje sur la insulo Ĥortica okazos regiona renkontiĝo; (Zaporoĵje).

CENTRO-RUSIO

La 12-a regiona E-renkontiĝo okazos dum la novembraj festoj en Leningrad. (Respondecas Leningrad, helpas Tiĥvin).

La 13-a regiona E-renkontiĝo okazos dum majaj festoj en Tula. (Tula).

KAŬKAZIO

Dum la novembraj festoj en Soĉi okazos Kaŭkazia E-renkontiĝo. (Soĉi).

ĈEBALTIO

"Muzo-74" - literatura renkontiĝo. La 5 - 7-an de oktobro apud Vilnius. (Vilnius).

"Ora folio". Oktobro, Riga. (Riga).

La Zamenhof-festo. La 14-an de decembro, Kaunas. Urba entrepreno kun invito de gastoj.

Renkonto de la Nova jaro. La 29-2 de decembro-januaro apud Vilnius aŭ en la urbo mem.

"Neĝfloketo" - februaro 1975. (Riga).

"Martaj tentoj" - marto 1975, Kaunas. (Kaunas).

"Ignolina-75" - maja boatmarŝo. La 1-3 de majo 1975. (Organizas kaj respondecas Vilnius).

"Giruliai-75" - fine de junio 1975. (Klaipeda).

"Esperanto kaj naturo" - julio 1975. (Tallin).

VOLGO-URALIO

REVU-10 okazos la 7-9 de novembro en Salavat. (Salavat).

OKCIDENT-SIBERIO

OSER-22 - la 7-9 de novembro en Omsk. (Omsk).

Vespero de internacia amikeco - decembro, Novosibirsk. (Novosibirsk).
OSER-23 - la 1-4 de majo 1974, Meĵdureĉensk. (Meĵdureĉensk).

De la Redakcio

Pri aliaj renkontiĝoj de E-istoj (ekz. novembraj en Ĉebaltio) la Redakcio ne estas informita.

## I n f o r m o j * A n o n c o j * P e t o j * S c i i g o j

Ĉiuj organizantoj de festaj kaj kromfestaj renkontiĝoj estas petataj sendi informojn pri la kondiĉoj kaj programo de renkontiĝoj al la v/p pri renkontiĝoj M;Bronŝtejn:
187503 Leningradskaja obl., Tiĥvin-3, 1-a mikrorajon, 44 - 22.

* * * * * * * * *

Abono al "JUNA AMIKO" estas ebla. Abonpago por la 1974-75-a lernojaro estas:
1r. 20kop. por ĉiu ekzemplero de komuna adreso kun minimume 5 abonaĵoj;
1r. 60kop. por ĉiu ekzemplero de privata adreso.
La limdato estas novembro 1974. Abonu ĉe Starodubcev N.N.:
340092 Doneck-92, abonkesto 618.
La adresojn de abonantoj bonvolu skribi ruslingve.

N.Starodubcev

* * * * * * * * *

En Leningrado (laŭ ĵus ricevita sciiĝo de k-do Branzburg) en en ĉiuj librovendejoj de la urbo estas ankoraŭ aĉeteblaj E-rusaj vortaroj. Necesas eltiri la tutan kvanton da vortaroj kaj teni en E-kluboj. Tuj mendu necesan kvanton por via urbo.

V.Zibenkes (Salavat)

* * * * * * * * *

Por plifirmigi leterkontakton kun oficialaj instancoj Zaporoĵja E-klubo ege bezonas propran ruslingvan tajpilon. Estas anoncata speciala fonduso "Tajpilo por ZKE". En ĝin oni akceptas donacajn kontribuaĵojn enformo de mono, uzitaj okcidentlandaj poŝtmarkoj kaj ŝim;. Kontribuaĵoj estos akceptataj tiel de kluboj kiel de unuopuloj. Ĉion bv. sendi laŭ adreso:
330000 Zaporoĵje, abon. k. 649, Kolker Danielo Ju.

Antaŭdankante D.Kolker (Zaporoĵje)

* * * * * * * * *

Donecka urba agentejo "Sojuzpeĉatj" konsentas produkti en fabriko kaj disvendi ESPERANTO-INSIGNOJN, se la produktota kvanto egalos al 10-20 mil. Por tiu celo doneckanoj proponas jenan modelon:


ESPERANTO

Ni akceptas oficialajn mendojn (klubajn) kaj privatajn anticipe de ĉiuj dezirantoj. La mendojn sendu ruslingve (por prezenti al "Sojuzpeĉatj") al la adreso:
340092 Doneck-92, abon. k. 618, Interklubo.
Mendu amase por vi kaj por viaj eksterlandaj amikoj. La provizora prezo estas 12-15kop. Estas dezirinde, ke ĉiu urba E-klubo mendu po 500-1000 ekzempleroj aŭ pli.

Donecka E-klubo

---

Redakcio:
656099 BARNAUL-99,
a.k. 11, "Aktuale"